Informa Bulteno - Bollettino Informativo

n-ro 1/1998

# ITALA FERVOJISTO

## Il Ferroviere Italiano



*La nova IFEF-Pr Romano Bolognesi inter gesamideanoj en Aalborg*

Bulteno de la Itala Fervojista Esperanto Asocio (IFEA), dulingve redaktita (itale kaj esperante)

Bollettino dell'Associazione Italiana Ferrovieri Esperantisti, redatto bilingue (italiano e Esperanto)

Nova serio - Nuova serie

Decembro - Dicembre 1998

# Un ITALIANO
## Presidente dell'I.F.E.F.

Nel 1989, pensando di poter essere utile nell'attività più allargata della nostra categoria di ferrovieri esperantisti, mi misi a disposizione dell'estraro che stava per rinnovarsi.

Durante il 41° IFK a Salou (ES) fui quindi eletto Segretario della Federazione Internazionale. Nei successivi rinnovi fui sempre rieletto, svolgendo così quel compito per nove anni.

Per effetto del tempo che passa inesorabilmente e di problemi personali, anche per quest'anno si intravedeva la necessità di notevoli cambiamenti nella composizione dell'estraro. Io stesso pensavo di lasciare ad altri un impegno del genere. Ma non sono riuscito a sottrarmi, spinto da un'insistenza premurosa che faceva appello e riferimento alla situazione generale del nostro movimento, fatta di continue emergenze, come di successi pregevoli quanto precari, ho finito per abbandonare il mio primo proposito. Aver accettato, un incarico, certo moralmente più impegnativo, non può non pesare sulle spalle di chiunque abbia senso del dovere e di responasbilità.

Quello di cui mi preoccupavo e che ancora mi preoccupa è la situazione di riflusso, di stanca, fra le nostre file, sia a livello nazionale che mondiale, che sembra dire: "Tutto è già fatto, tutto va bene (o male - dipende dal proprio grado di ottimismo) e quindi lasciamo che lavorino gli altri". Ma "gli altri", è ovvio, in queste cose, siamo noi stessi.

Se il "movimento" non si muove, ognuno deve chiedersi che cosa egli stesso sta facendo per farlo progredire. E probabilmente solo pochi potranno constatare che l'impegno e l'attività è sufficiente.

Dunque, per coloro che vorrebbero fare, ma… , questo è un accorato appello; anche per evitare di diventare sordi ai richiami dell'ideale esperantista.

Zamenhof fu molto più crudo verso gli "attendisti", che gli scrivevano lettere, che, più o meno, dicevano: "*... Resterò sempre grande amico dell'Esperanto e mai lo dimenticherò. Ma da quando ho cominciato ad agire per esso ho incontrato tante difficoltà, che mi sono convinto che il mondo non è ancora maturo per una così grande idea. Ma stia certo che, non appena le circostanze cambieranno e la sordità e l'indifferenza del mondo passeranno, mi vedrà fra le prime file dei più energici attivisti. Mi scriva di tanto in tanto per ...* "

Zamenhof grida subito: "*No, signori pseudo-esperantisti! ... quando, grazie alla nostra costanza, il mondo infine cesserà di essere sordo alle nostre parole e la nostra cosa cesserà di essere "una fantasia della quale il buo tono pretende che la si ridicolizzi senza approfondirla", quando l'Esperanto sarà accettato e sanzionato ovunque, allora non avremo più bisogno di voi, signori pseudo-esperantisti.*"

Una moscone si appoggiò sul muso di un bue. Un'altra mosca gli chiese: "Cosa stai facendo lì?" Rapido, esso rispose: "Non vedi? Stiamo arando!"

Romano BOLOGNESI

# I T A L O
## Prezidanto de I.F.E.F.

En 1989, pensante iĝi utila en la agado de nia pli larĝa internacia kategorio de fervojistoj esperantistoj, mi min metis je dispono de la estraro, pri kiu estis antaŭvidita reelektiĝon.
Dum la 41a IFK en Salou (ES) mi fariĝis Sekretario de la Federacio. En la sekvaj renoviĝoj mi ĉiam estis reelektita, tiel praktikante tiun taskon dum naŭ jaroj.
Pro la efiko de la tempo, kiu pasas senpardone kaj pro personaj problemoj, ankaŭ ĉi-jare oni antaŭvidis la neceson de vastaj ŝanĝoj en la konsisto de la estraro. Mi mem intencis lasi al aliaj aktivuloj tiun taskon. Sed mi ne sukcesis eviti tion, puŝita de afabla insisto, kiu apelaciis al mi kaj montris al situacio ĝenerala de nia movado, konsistanta el daŭraj urĝaj bezonoj, tiel kiel el rimarkindaj, sed malfirmaj sukcesoj, tiel mi fine devis formeti mian unuan Akceptinte taskon, ja morale pli engaĝiga, tiu ne povas ne pezi sur la ŝultroj de ĉiu ajn sentas devon kaj responson.
Tio kio maltrankviligis kaj maltrankviligas min estas la reflua, laca, tra niaj vicoj, kaj je nacia kaj je internacia nivelo, kiu ŝajne diras: "Ĉio jan estas farita, ĉio iras bone (aŭ malbone - depende de nia grado de optimismo) kaj, do, ni lasu ke la aliaj laboru". Sed "la aliaj", memkompreneble, en ĉi tiuj aferoj, estas ni mem. Se la "movado" ne moviĝas, ĉiu el ni devas sin demandi kion li mem estas faranta por progresigi ĝin. Eble nur malmultaj povos konstati ke la engaĝiĝo kaj la agado estas sufiĉa.
Do, por tiuj, kiuj volus ion fari, sed... , tiu ĉi estas vokigado, ankaŭ por ne fariĝi surdaj al la alvokoj de la esperantista idealo.
Zamenhof estis multe pli kruda al la "atendantuloj", kiuj skribis al li leterojn, kiuj pli malpli diris: "... *Mi ĉiam restos varmega amiko de Esperanto kaj mi neniam ĝin forgesos. Sed kiam mi komencis siatempe labori por Esperanto, mi renkontis tiom da malfacilaĵoj, ke mi vole-ne-vole devis lasi fali la manojn, kaj venis al la konvinko, ke nun la mondo ne estas ankoraŭ matura por tiu granda ideo. Sed estu tute certa, ke kiam nur la cirkostancoj ŝanĝiĝos kaj la surdeco kaj la indiferenteco de la mondo pasos, vi tuj vidos min en la vicoj de la plej energiaj batalalantoj. Skribu al mi, kion nia afero faris de la tempo, ...* "
Zamenhof tuj ekkrias: "*Ne, sinjoroj pseŭdo-esperantistoj! ... kiam, dank' al nia konstanteco, la mondo fine ĉesos esti surda al niaj vortoj kaj nia afero ĉesos esti "fantazio, pri kiu la bona tono postulas, ke oni ĝin moku, ne esplorinte ĝin", kiam Esperanto estos ĉie akceptita kaj sankciita, - tiam ni vin ne bezonos, sinjoroj pseŭdo-esperantistoj.*"
Muŝego sin apogis sur la kapo de bovo. Alia muŝo demandis al ĝi: "Kion vi faras tie?" Rapide, tiu respondis: "Ĉu vi ne vidas? Ni estas plugantaj!"

Romano BOLOGNESI

# GIOCO DI PAROLE = VORTLUDO

***Chiave* = *Sloŝilo (9, 8, 6)*: Caratteristica della Lingua internazionale di mettere in contatto = Interligiga eco de la Lingvo internacia**

| | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| L | A | I | K | E | O | S | I | T | R | E | S | A | F |
| S | A | R | A | T | S | O | R | O | T | K | A | E | R |
| P | E | I | E | N | O | G | I | L | U | N | N | R | I |
| O | B | L | A | T | O | A | N | U | A | T | S | O | P |
| N | M | E | I | J | P | P | O | S | S | O | K | L | O |
| O | T | O | A | R | O | E | O | N | A | A | R | U | N |
| F | O | S | A | D | O | N | R | I | I | A | I | N | O |
| O | U | M | O | I | O | A | A | G | B | L | T | O | I |
| R | N | R | I | Z | Ŝ | D | A | I | A | A | A | K | I |
| K | E | L | N | E | R | O | J | N | L | M | N | R | O |
| I | G | I | T | L | A | G | A | E | Ĉ | I | E | T | P |
| M | E | D | I | O | N | I | R | O | T | O | S | N | S |
| H | O | M | M | I | K | E | L | O | O | E | T | A | O |
| P | A | P | A | G | O | J | Ĵ | A | Ŭ | D | O | N | P |

Cerca e riquadra con la matita ogni parole nella lista, in orrizontale, verticale, diagonale, in tutte le direzioni. Alcune lettere sono comuni a più parole. Quelle restanti, lette in ordine, formano la chiave definita.
Serĉu kaj ĉirkaŭlimigu per krajono ĉiujn vortojn enlistigitajn horizontale, vertikale, diagonale, al ĉiuj direktoj. Diversaj literoj estas komunaj en kelkaj vortoj. La restintaj, legataj laŭorde, formas la difinitan ŝlosilon.

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| ALIA | ALTIGI | ANASO | ANĈO | ASERTI |
| DIZELO | ELIRI | FOSADON | FRIPONO | GENUO |
| GINEO | INSULO | INTIMA | ĴAŬDO | KELNEROJN |
| KIAL | LIANO | LIRO | LUNO | MEDION |
| MIKELO | MIKROFONO | NESTO | NITO | NULIGON |
| NURA | OBLATO | ODORE | OMLETO | PAPAGO |
| PASI | PENADO | PERGAMENO | POSTA | PRALINO |
| RABI | REAKTORO | RUSAJ | SANSKRITA | SOKLO |
| STARAS | ŜRANKO | TALERE | ŬESTO | ZONO |

# Quote sociali IFEA ...

Anche per il 1998 la Quota sociale IFEA/IFEF è ferma a **L. 20.000**. I ritardatari per il 1997 possono versare insieme i due anni.

L'ultimo anno pagato compare sull'etichetta dell'invio.

Per memoria, ecco le varie possibilità di adesione presso l'IFEA e alcune offerte di pubblicazioni o di altre cose.

Attenzione! segnalate sempre: **causale, cambio di dati e di indirizzo**!

| | |
|---|---|
| IFEA/IFEF (tutti) | L. 20.000 |
| FEI (ordinario) | L. 50.000 |
| FEI (giovane o familiare) | L. 25.000 |
| DLF (Effettivo) | L. 10.000 |
| DLF (Aderente = familiare) | L. 5.000 |
| DLF (Frequentatore) | L. 15.000 |
| Circ. Cult. Gr. E-o Bologna | L. 10.000 |
| Lessico Ferroviario RailLex | L. 20.000 |
| Historio de IFEF | L. 5.000 |
| Catalogo Fondo Librario BO | L. 5.000 |
| L'E-o in Emilia Romagna | L. 10.000 |
| Ĉu vi deziras korespondi? | L. 1.000 |
| Distintivi | L. 3.000 |

Per minimo 3 copie: il prezzo di 2.

Più eventuali spese postali (per chi non ha indirizzo FS).

Per minimo 3 distintivi: invio gratis.

Scrivere all'IFEA, c/o DLF BO, via Serlio 25/2, 40128 Bologna.

N-o del Conto Corrente Postale IFEA:

**19 33 64 03**

Rinnovate la quota: l'IFEA potrà meglio programmarsi e operare.

Iscrivete o fate iscrivere un collega, un familiare, un amico, un samideano: dobbiamo crescere in qualità, ma anche in quantità.

La Kasisto

# 51a IFK Le Mans (FR)

## KONGRESPROGRAMO

(PROVIZORA)

| | | |
|---|---|---|
| Sa. | 08.05 | Akceptejo malfermita<br>Gazetara konferenco<br>Kunveno LKK-estraro<br>Estrarkunveno (ev.)<br>Interkona vespero |
| Di. | 09.05 | Ekumena diservo<br>Solena malfermo<br>Informejo - Libroservo<br>Faka komisiono<br>Urbovizitado<br>Bankedo<br>Internacia balo |
| Lu. | 10.05 | Akceptejo malfermita<br>Poŝtoficejo (matene)<br>Ne-publika kunsido<br>1/2taga ekskurso<br>Faka komisiono<br>Distra vespero |
| Ma. | 11.05 | Informejo - Libroservo<br>Plenkunsido<br>1/2taga ekskurso<br>Distra vespero |
| Me. | 12/05 | Tuttaga ekskurso |
| Ĵa. | 13.05 | Informejo - Libroservo<br>Ĉefa fakprelego<br>Fakaj prelegetoj<br>1/2taga ekskurso<br>Faka komisiono<br>Distra vespero |
| Ve. | 14.05 | Informejo - Libroservo<br>Faka komisiono<br>Movadaj aferoj<br>Venonta 52a kongreso<br>Fermo<br>Adiaŭa vespero |
| Sa. | 15.05 | Ekiro al postkongreso |

***PARTOPRENU!***

ankaŭ en la **Postkongreso**

en **Colleville-sur-mère**

51a IFEF KONGRESO



ESPERANTO




LE MANS
8a - 15a de Maio 1999

# 51a IFEF-Kongreso
# Le Mans, Francio
# 8 / 15 majo 1999




# *Le Mans*
# *Turisma urbo*

# La Kongresa Urbo

**Le Mans** posedas grandan mezepokan urbocentron: domojn kun traboj videblaj kaj pajlargilo, stratojn mallarĝajn pavimitajn. Dum la Renesanco oni konstruis tie multe da ĉarmaj hoteloj.

Murego galloromana konstruita dum la tria jarcento, kun turoj kaj poternoj protektis la urbon kontraŭ la invadoj. Ĝi estas unu el la plej longaj, ankoraŭ ekzistantaj en Eŭropo.

Multaj filmoj televidfilmojn oni turnis en Le Mans: *Cyrano de Bergerac, Eugènie Grandet, Le bossu de Notre Dame*, ktp. Ofte la loĝantoj de la malnova urbo vidas filmistojn instalantajn dekorojn en sia kvartalo.

La katedralon oni konstruis de la 11a ĝis la 15a jc.; tio permesas vidi la evoluon de la konstruado-stilo: de la pure romanika ĝis la flame gotika, preterfluge la regionan stilon "plantagenetŭ a "angevin". Tiu katedralo estas riĉa je vitraloj: "la katedralo de la lumo"; la specialistoj kaj, pli simple, la vitraŝatantoj povas sekvi la historion de tiu arto de la 12a jc. (ĉieliro de Jesuo) ĝis la nuna periodo.

# ... kaj la ekskursoj

### *1/2 taga ekskurso:*

**Le Lude** estas urbeto ĉe la rivero Luaro, je 40km de Le Mans, kun diversstila tipa kastelo, enloĝata kaj meblata, granda parko kaj ĝardenoj.

### *1/2 taga ekskurso:*

**Malicorne** estas urbeto sur la rivero "Sarthe", je 30km de Le Mans, kun fama fajencejo.

**Asnières** estas ĉarma mezepoka vilaĝo, kun romia ponto, malnova lavejo, bela preĝejo.

En la benedektana **Abat-monaĥejo de Solesmes**, fama pro priliturgiaj laboroj, oni povasŭdi ĉanton gregorian dum la Vesproj.

### *Tuttaga ekskurso:*

**Saumur** estas urbo borde de Luaro, je 100km de Le Mans, kun fama kastelo (fortreso el la 13a jc., poste plezursidejo de la dukoj de Anĵuo, ĝis sidejo de protestanta Akademio), rajdarto-lernejo pri la ĉevaloj de la "Cadre noir" kaj vinkeloj kavigitaj en la kalka ŝtono.

### *Tuttaga ekskurso:*

**Connerré** estas urbeto, je 26km oriente de Le Mans, fama kiel ĉefurbo de la manĝaĵo "rijeto" (porkaĵo aŭ kokidaĵo miksita kun graso, tre longe stufita).

Turisma historia trajneto kun vaporlokomotivo veturigos la eksursantoj al Bonnétable.

# Ĝeneralaj instrukcioj

1. Ĉiu partoprenanto bonvulu plenigi tajpe a ŭ preslitere kaj legeble apartan aliĝilon (povas esti anka ŭ kopiaĵc kaj sendi ĝin al la adreso de LKK. Estas rekomendinde skribi familian nomon majuskle kaj baptonomon minuskle.
2. Bonvolu meti krucon en kadrojn ĉe unuopaj proponoj por montri, kion vi mendas.
3. Se vi pagas por alia persono, bv. tion klare mencii en via aliĝilo, kaj ankaŭ tiu persono bv. mencii en la aliĝilo, kiu pagas por ŝi/li.
4. Bv. noti por vi mem en via propra intereso, kion vi mendis kaj pagis.
5. Estas rekomendinde, ke unu respondeculo de la koncerna La. kolektu la aliĝilojn kaj pagojn de la asocianaro kaj sendu ilin al LKK kiel unu sendaĵo. Pagante al la koncerna poŝtkonto per unu sumo, bv. tamen klare mencii per aparta letero, por kiu estas pagite.
6. Kongresa aliĝilo validas nur post anta ŭpago de la ko gresa kotizo kaj tranokto por unu nokto laŭ elektita kategorio dehotelo al unu el kongresaj kontoj a ŭ en l manoj de LKK.
7. La kongreskotizo kaj ununokta tranokto ne estas repageblaj. Ceteraj anta ŭpagitaj sumoj estos repageblaj post depreno de veraj elspezoj nur se skribe malmendo venos plej malfrue ĝis la 1a de aprilo 1999.
8. Por alteco de la kotizo estas decidita la dato, dum kiu la sumo estis perita el banko de la sendinto. Bv. sendi la pagon en francaj frankoj al la indikita po ŝtĝirkonto pl malfrue ĝis la 1a de aprilo 1999. LKK povos trakti nur sengarantie la aliĝilojn, kies pagoj venos post tiu ĉi limdato. LKK traktos la aliĝojn nur post la lveno de la pago en la kontojn.
9. Sur unu A4-paĝa gluaĵfolio troviĝas 24 kongresaj glumarkoj. La prezo de unu folio estas 8 FRF.
10. LKK kontraktis por kvar kategorioj de hoteloj. Ĉar ne eblas peri tranoktadon en fervojaj ku ŝvagonoj, la kvar kategorio, junulgastejo, estas destinita unuavice por la gekolegoj el la eksocialismaj landoj kaj por gejunuloj. La kolegoj el okcidentaj landoj estas petataj elekti intr la aliaj kategorioj.
11. En kazo de plenigo de hotelaj kapacitoj LKK prenas al si la rajton disponigi tranokton en aliaj similaj hotelaj kategorioj. LKK traktos la ĉambromendojn sengarantie, se ili alvenos post la 1a de aprilo 1999.
12. En Le Mans estas bonaj manĝ- kaj trink-eblecoj, ekzistas multaj restoracioj kaj kafejoj.
13. LKK konfirmos la ricevon de aliĝilo post ricevo de la kongreskotizo per sendo de aparta konfirmletero, unue komence de februaro 1999, due post la 1a de aprilo 1999, poste la ŭbezone. Tiun konfirleteron bv. kunporti al Le Mans. Kongresajnkartojn estos disdonataj komence de la kongreso kun kongresaj materialoj post alveno al Le Mans.



**Aliĝilo** Kongresnumero ......................

**51a kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio de la 8a ĝis la 15a de majo 1999 en Le Mans (Francio).**

Konstanta adreso : 51a IFEF-kongreso
UAICF Siège national
7 rue du Château-Landon
FR-75010 Paris

Poŝtĝirokonto : Vidu paĝo 2

---

Viro ☐ Virino ☐
Familia nomo (preslitere)..............................Antaŭnomo......................
Adreso - strato n-ro..............................................................
poŝtkodo, urbo, lando.........................................................
Samtempe mi enpagas al la supre menciita poŝtĝirokonto :

| Kongreskotizoj | ĝis 31.01.1999 | de 01.02.1999 | FRF |
|---|---|---|---|
| IFEF-membro | 300 | 380 | |
| Familiano kaj junulo ĝis 20j | 150 | 180 | |
| Ne IFEF-membro | 400 | 480 | |
| Simpatianto | 100 | 100 | |
| Duontaga ekskurso (09/05) | 30 | 30 | |
| Duontaga ekskurso (10/05) | 100 | 100 | .............. |
| Duontaga ekskurso (11/05) | 100 | 100 | .............. |
| Tuttaga ekskurso inkluzive la tagmanĝon (12/05) | 250 | 250 | .............. |
| Duontaga ekskurso (13/05) | 100 | 100 | .............. |
| Komuna vespermanĝo (9/05) | 150 | 150 | .............. |
| Unu tranoktado laŭ elekto (deviga) | | | .............. |
| Ĝirobankelspezoj | 40 | 40 | .............. |
| Aliaj antaŭpagoj (nepre indiku la celon)............................ | | | .............. |
| | | Entute | .............. |

| | | |
|---|---|---|
| Mi deziras partopreni en la gvidata vizito en Le Mans (09/05) | Jes ☐ | Ne ☐ |
| Mi deziras partopreni en la ekskurso en Le Lude (10/05) | Jes ☐ | Ne ☐ |
| Mi deziras partopreni en la ekskurso en Solesmes (11/05) | Jes ☐ | Ne ☐ |
| Mi deziras partopreni en la ekskurso en Saumur (12/05) | Jes ☐ | Ne ☐ |
| Mi deziras partopreni en la pertrajneta ekskurso (13/05) | Jes ☐ | Ne ☐ |
| Mi deziras partopreni en la postkongreso en Colleville/Mer | Jes ☐ | Ne ☐ |
| Mi deziras partopreni en la komuna vespermanĝo (9/05) | Jes ☐ | Ne ☐ |

Mi alvenos en Le Mans la ..............................je la ..................h......

.............................................. ..............................................
Loko, dato Subskribo

# Ĉambromendilo

Kongresnumero ...............
Samtempe aliĝas numero.................

Viro ☐ Virino ☐
Naskiĝdato : .....................Nro de la pasporto : .......................
Familia nomo (preslitere)..........................Antaŭnomo......................
Elparolo de familia nomo kaj antaŭnomo : ...............................................
Adreso - strato n-ro.........................................................................
poŝtkodo, urbo, lando.........................................................
Mi deziras loĝi kune kun .........................................................................
Mi mendas liton por jenaj noktoj :

| 8/9 | 9/10 | 10/11 | 11/12 | 12/13 | 13/14 | 14/15 |
|---|---|---|---|---|---|---|
| ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ |

Hotela kaj junulgasteja prezoj rilatas al unu lito por unu persono inkluzive de matenmanĝo. Pago por la tuta periodo plej malfrue ĉe alveno **en la akceptejo.**

| | FRF unulita ĉambro | FRF dulita ĉambro (por unu persono) | FRF kvarlita ĉambro (por unu persono) |
|---|---|---|---|
| Kategorio A | 400 ☐ | 250 ☐ | |
| Kategorio B | 290 ☐ | 160 ☐ | |
| Junulgastejo en la urbocentro (15 mn piede kaj eblas aŭtobuse) | | | 115 ☐ |
| Junulgastejo atingebla nur per urba aŭtobuso (servo je ĉiuj dudek minutoj de 6H00 ĝis 21h00 kaj poste je ĉiu horo ĝis 0H00) | | | 70 ☐ |

En la hoteloj kaj junulgastejoj, matenmanĝo estas havebla je horo 7,00 ĝis 10,00.
Ĉiuj hoteloj en kategorioj A+B situas proksime de la stacidomo kaj de la kongresejo.

Bonvolu meti krucon en la kvadratoj, kiuj respondas al viaj deziroj. Se unulita ĉambro ne plu estas je dispono, mi konsentas loĝi kune kun alia kongresano en dulita ĉambro, se eble samkategorie.

Se hotelo en la dezirata prezklaso ne plu estos disponebla, mi konsentas loĝi en pli kosta hotelo, diferenco nur maksimume unu prezklaso.

Mi konscias ke mi devas havi propran san- kaj akcident-asekurecon ☐

............................................ ............................................
Loko, dato subskribo

# Le grandi conferenze sull'Esperanto

Proseguiamo con la serie delle "grandi conferenze" sull'esperanto, che teorizzano fattori importanti della nostra storia, riproponendo il discorso tenuto nella riunione di apertura del 37° Congresso Universale di esperanto a Oslo, il 3/8/1952.

Il testo è tratto da "Elektitaj paroladoj kaj prelegoj" (suplemento al Retoriko) di Ivo Lapenna.

Com'è noto, la brillantezza dello stile oratorio e l'espressione di un magistrale, chiarissimo esperanto, sono caratteristiche del talento di Lapenna.

Nel presente discorso, ove si accenna ai pregiudizi di molte personalità della scienza, della cultura e dell'educazione, vengono evidenziati il valore culturale dell'esperanto e il contributo offerto dai congressi universali di esperanto alla comprensione internazionale.

(E.M.)

## Kontribuo de niaj kongresoj al internacia kompreniĝo

Sinjoro prezidanto! Geamikoj! La unuan fojon en la historio de la Esperanto-Movado ni kongresas en Oslo, la admirinda ĉefurbo de la norvega nacio.

Ni kunvenas en la cerbo kaj koro de popolo ne granda laŭ la nombro, sed granda laŭ la intelektaj valoroj, kiujn ĝi donis al la homaro. Sur la kampo de literaturo, sur tiu de muziko, en la sfero de skulpto-arto kaj en multaj aliaj branĉoj de la sciencoj kaj artoj la norvega popolo donis verajn gigantojn al la kulturo de la mondo.

Necesas ankaŭ rememori, ke en la jaro 1905 la norvega nacio pace disiĝis de la sveda kaj tiamaniere tiuj ĉi du popoloj de Skandinavio klare montris, ke estas eble kontentigi la nacian aspiron sen verŝado de sango, sen milito.

Kio aparte distingas la norvegan popolon, estas ĝia toleremo, ĝia komprenemo, ĝia sincera aprezado de ĉio vere inda, kion kreis la aliaj. Tio konsistigas la ĉefajn elementojn de ĝia pacemo. Nur popolo kun larĝa edukiteco de la amasoj, kun granda kulturo, kun alte evoluinta civilizo povas esti tiel sindone dediĉita al la afero de la monda paco.

Ne estas surprize, ke ĝuste tiu popolo donis al Unuiĝintaj Nacioj - al la organizaĵo fondita por konservi la pacon kaj evoluigi amikecajn rilatojn inter la nacioj - ĝian Ĝeneralan Sekretarion en la persono de Trigve Lie.

Mi estas certa, ke mi esprimas la sentojn de la tuta Kongreso, se mi diras: Dankon el nia tuta koro al la norvega popolo pro la imitinda ekzemplo, kiun ĝi donas; dankon al la norvegaj esperantistoj pro ilia afabla gastamo; dankon tute speciale al niaj geamikoj en Oslo pro la perfekta organizo de tiu ĉi Kongreso!

I

Antaŭ pli ol tri jarcentoj okazis unu el tiuj multnombraj kuriozaj eventoj, kiuj tiel mirigas la postajn generaciojn.

En tiu epoko oni instruadis en la lernejoj kaj universitatoj la teorio de Aristotelo, laŭ kiu objekto havanta pli grandan pezon falas teren pli rapide ol objekto malpli peza.

La genia Galileo - por pruvi la malon - iun belan tagon prenis du pesilojn, unu de dek kaj unu de kvin funtoj, surgrimpis la turon de Pizo, faligis samtempe la du pesilojn, kiuj, kompreneble, atingis la tersurfacon en la sama momento.

Estis tie aro da scienculoj kaj amaso da simplaj civitanoj, kiuj rigardis la spektaklon!
Nu, kio okazis poste?
La scienculoj admiris la eksperimenton, revenis al siaj hejmoj, bone vespermanĝis, trankvile dormis kaj la morgaŭan matenon daŭrigis instrui la malnovan teorion. Sed por la kolektiĝinta amaso, kun cerboj tre ordinaraj kaj neŝarĝitaj de antaŭjuĝoj, la vidita eksperimento fariĝis realaĵo. La ordinaraj homoj akceptis ĝin kiel tian kaj ne plu cerbumis pri la fenomeno.
Tiel estis iam!
Sed ĉu vi opinias ke en la nuntempo la aferoj multe ŝanĝiĝis?
Ni esperantistoj ĵetis la du pesilojn ne unu fojon, sed multajn. Seninterrompe ni tion faras jam preskaŭ 65 jarojn. Ni ne estas ia obscura sekto, ni ne havas iajn mistikajn sekretojn. Aperte kaj sincere ni montras al ĉiuj, kiuj havas la orelojn por aŭdi kaj la okulojn por vidi, la praktikan valoron de Esperanto, ĝian kulturan signifon, ĝian idean rolon.
Multaj ordinaraj homoj sen antaŭjuĝoj vidas la fakton kaj tute simple akceptas ĝin kiel realaĵon. La kompetentaj instancoj de la scienco, edukado kaj kulturo venas kelkfoje al ni, admiras la aferon, sed post kelkaj tagoj daŭrigas aserti, ke la Internacia Lingvo estas malebla, ke ĝi apenaŭ taŭgas por interkompreniĝo, ke ĝi ne havas literaturon, ke ĝi estas, en la plej bona okazo, nur modesta surogato de lingvo.
Nia 37-a Universala Kongreso estas nova ero en la longa ĉeno de potencaj pruvoj pri la senfinaj eblecoj de la Internacia Lingvo, pri ĝia perfekta taŭgeco por ĉiuj sferoj de la internacia vivo. En tio konsistas la unua signifo - la signifo manifestacia - de nia Kongreso.

II

Estus tamen grandega eraro pensi, ke per tio elĉerpiĝas ĝia rolo!
Ŝajnas al mi, ke jam delonge forpasis la tempo, kiam ni tradukadis la verkojn de Homero aŭ Vergilo, tiujn de Shakespeare aŭ de Dante, tiujn de Ibsen, de Dickens, de Lagerhoef kaj de multai alia nur por "pruvi" al skeptikuloj la valoron de Esperanto kiel nuancita esprimilo eĉ de la plej profundaj pensoj kaj de la plej delikataj sentoj. Ŝajnas al mi, ke forpasis ankaŭ la tempo, kiam ni kunvenadis en kongresoj, en diversaj fakoj kaj aliaj specialaj internaciaj konferencoj, sole aŭ ĉefe por montri al la mondo, ke ni ekzistas.
Ne! Vere, hodiaŭ ni evoluigas nian literaturon, ni posedas nian gazetaron, ni havas nian radio-elsendojn, ni kreis kaj perfektigas nian potencan sistemon de praktikaj internaciaj servoj ne plu, aŭ almenaŭ ne nur, por pruvadi al la strutoj kun la kapoj en la sablo, ke la ideo de komuna neŭtrala lingvo jam realiĝis pere de nia Esperanto, sed ĉion ni faras unue kaj antaŭ ĉio, ĉar ni mem volas utiligi kaj intelekte kaj morale, kaj idee kaj praktike, ĝis la plej alta grado la sennombrajn avantaĝojn, kiujn prezentas la Intenacia Lingvo por ni ĉiuj. Tion ni atingas ankaŭ pere de niaj kongresoj. Tial, en la nuna stadio de la Esperanto-Movado, la ĉefa celo de niaj kongresoj estas pridiskuti la komunajn problemojn, riĉiĝi je la spertoj, serĉi kaj trovi la vojon de ankoraŭ pli granda utiligo de la lingvo. Tiu labora aspekto de nia Kongreso estas samtempe ĝia dua signifo.

III

Antaŭ nelonge oni ekbruligis la simbolan torĉon en lando, kie antaŭ pli ol dumil jaroj okazadis la unuaj Olimpiaj Ludoj, kaj transportis ĝin al alia norda lando, al Finlando, kie nun gejunuloj de ĉiuj nacioj en nobla lukto mezuras siajn fizikajn fortojn. Afero sendube salutinda; afero kiu certe almenaŭ iom helpas la proksimiĝon de la popoloj!

Al Oslo ne alflugis iu brulanta torĉo, sed el ĉiuj partoj de la mondo alvenis centoj da brulantaj koroj sopirantaj al internacia kompreniĝo ne per saltoj, kuroj aŭ lancoĵetoj, sed per lingvo neŭtrale homa.

La antikvaj Grekoj ne havis nur konkursojn de atletoj. Kunvenadis tie ankaŭ poetoj, kiuj mezuradis siajn artajn esprimkapablojn kaj intelektajn fortojn. Ĉi tie en Oslo ni daŭrigas - provizore en modesta kerna formo - tiun ĉi aspekton de la klasikaj grekaj tradicioj. Ĉi tie niaj poetoj kaj verkistoj, niaj junaj oratoroj partoprenas en konkursoj multe pli noblaj, en konkursoj belartaj kaj parolartaj. Ĉi tie sciencistoj de diversaj nacioj popularigas la akiraĵojn de la scienco. Ĉi tie niaj plej kompetentaj norvegaj geamikoj prezentas al apartenantoj de multaj popoloj la kulturon, la kutimojn, la historion de sia nacio. Kaj, same, kiel en antikva Greklando tio okazadis en lingvo komuna al ĉiuj grekaj gentoj, ĉio ĉi okazas en lingvo neŭtrala, kiu estas propraĵo de neniu aparta popolo, sed trezoro de ĉiuj, havaĵo de la tuta mondo.

Tiamaniere ankaŭ pere de niaj kongresoj ni ĉiam pli kaj pli reale kontribuas al ĉiam pli bona internacia kompreniĝo. Ankaŭ pere de niaj kongresoj - same kiel per la aliaj kulturaj manifestiĝoj - ni kreas belegan mozaikon, kies ŝtonetoj konsistas el la plej valoraj perloj, kiujn kreis la homa spirito, tute egale al kiu raso, nacio aŭ religio apartenis aŭ apartenas la individua aŭtoro.

En tio montriĝas la tria, la kultura signifo de niaj kongresoj.

*

Krom la tri menciitaj aspektoj - la manifestacia, la labora kaj la kultura - nia Kongreso havas ankoraŭ unu. Mi ne analizos ĝin. Vi ĉiuj scias je kio mi aludas. Temas pri tiuj sentoj, kiuj inspiras nian tutan agadon kaj kiuj faras, ke miloj da personoj tra la tuta mondo sindone kaj ofereme dediĉas sian liberan tempon, sian energion, sian intelektan forton al la laboro por la granda kaj nobla afero de la Internacia Lingvo. Temas pri tio, kion iuj nomas "interna ideo", aliaj "interna sento", dum mi mem pli ŝatas paroli pri la "solidariga rolo" de la Internacia Lingvo. Tute egale kiel oni ĝin nomas, temas pri tiu "io", kiu faras, ke nia lingvo ne estas nura teknika rimedo de komunikado internacia, sed, krome, ankaŭ potenca instrumento de internacia frateco.

Post kelkaj momentoj ni ĉiuj ekstaros kaj ankoraŭfoje aŭdiĝos la vortoj kaj sonoj de himno, kiu alvokas ne al glavo sangon soifanta, sed al konkordo, harmonio, paco. Kiam ni ripetos - jam la centan, jam la milan fojon - la alte noblajn pensojn de D-ro Zamenhof, entenantajn en "La Espero", ni ne faru tion aŭtomate, sed ni enpensiĝu profunde en ilian signifon kaj ni diru al ni mem, ke - malgraŭ la obstakloj, malgraŭ la persekutoj kaj ĉiaspecaj malfacilaĵoj - ni senlace daŭrigos lian verkon ĝis plene realiĝos lia vizio de unu mondo, unu homaro, unu komuna Internacia Lingvo por ĉiuj homoj!

Ivo Lapenna

# Historio de la presarto - La storia della stampa

## Johann GUTEMBERG (Mainz, 1400?-1468)

Filo de la nobelulo Von Gensfleisch, li prenis la nomon de familia posedaĵo.

Kvamkam estas priantaŭecaj duboj (inter aliaj menciindas ankaŭ la italo Panfilo Castaldi), en okcidento oni konsideras lin kiel la inventinton de la tipografia presarto per moveblaj karaktroj, unue lignaj kaj poste metalaj. Li kapablis kunapliki teknikojn kaj spertojn jam akiritajn en ksilograf- kaj en oraĵistarto.

En la jaro 1452 li komencis komposti sian faman surfolian Biblion (nomita 42-linia aŭ "Mazarina"), kiu aperis en 1455.

Per tiu verko komenciĝis la preshistorion, la ĉefan ilon por la moderna kultura rivolucio, kiu efektiviĝis pro la pensdisvastigo.

Li presis aliajn ne gravajn verkojn ĝis 1460, el kiuj restas nur unu subskribitan verkon: "Traktato pri mescelebrado", kiam li eldonis duan novan Biblion (nomita 36-linia).

Verŝajne, tuj poste li devis ĉesi ĉiun agadon pro ekblindiĝo.

Certe li neniam eksciis, ke la ĉinoj iel jam anticipis lin je ĉ. 500 jaroj.

Figlio del patrizio Von Gensfleisch, prese il nome da un possedimento di famiglia.

Pur con dubbi di priorità (fra cui c'è anche l'italiano Panfilo Castaldi) in occidente è considerato come l'inventore della stampa tipografica a caratteri mobili, prima di legno poi di metallo. Egli sintetizzò le tecniche e le esperienze già acquisite in silografia e in oreficeria.

Nel 1452 cominciò a comporre la celebre Bibbia in foglio detta delle 42 linee o "Mazarina", che vide la luce nel 1455.

Con quell'opera inizia la storia della stampa, lo strumento principe della rivoluzione culturale moderna, resa possibile dalla diffusione allargata del pensiero.

Stampò altre opere minori fino al 1460, di cui resta una sola opera firmata: "Il trattato della celebrazione della messa"., quando pubblicò una seconda edizione della Bibbia detta delle 36 linee.

Pare che poi cessasse ogni attività, essendo diventato cieco.

Certo egli non seppe mai che i cinesi in qualche modo lo avevano preceduto di c. 500 anni.

---

## PARTOPRENU!

### *40a Internacia Fervojista Esperanto Ski-semajno*

**14-20 februaro 1999, en KARPACZ, *Pensiono Halny*, Pollando**

| | Kat A (okcidentanoj) | Kat. B (la aliaj) |
|---|---|---|
| Aliĝkotizoj | 40 DM | 15 DM |
| Apartamentoj (2-personaj) | 75 DM | — |
| Ĉambroj (2- aŭ 3-litaj) | 55 DM | 40 DM |

(Aliĝiloj ĉe la Sekretariejo)

# Germano GIMELLI 85-enne

Questa ragguardevole età, è stata raggiunta di recente, il 4 novembre 1998. Desideriamo vivamente che anche da queste pagine, interpretando sicuramente i sentimenti del Consiglio Direttivo, di tutti i Soci IFEA e di tanti amici e conoscenti, gli giungano i più calorosi ed affettuosi auguri di buon proseguimento. Il nostro Presidente onorario, durante la sua invidiabile lunga vita, in cui la Ferrovia e l'Esperanto hanno avuto un ruolo di portata centrale, ha dato sempre la precedenza alle cose più importanti che si conoscano: la famiglia, il lavoro e vari valori ideali a cui si è dedicato con serietà, costanza e senza tentennamenti.
Per lunghi anni è stato il motore della fervida attività fra i ferrovieri esperantisti in Italia, Segretario e Redattore, poi Presidente, ottenendo anche a livello internazionale i più che meritati riconoscimenti. Egli infatti è stato nominato "Honora membro de IFEF" fin dal 1977, durante il 29° IFK di Swanwick (Inghilterra). E' stato anche membro del LKK del 50° UK dell'UEA nel 1955 a Bologna e presidente del 22° IFK (Congresso internazionale dei ferrovieri esperantisti) di Rimini. Anche due IFES (Settimane sciistiche) nel 1975 e nel 1980 furono organizzate da lui e dalla signora Delvina sempre al suo fianco. Auguri, dunque, e "*ek pli antaŭen!*"

## IL FRANCESE A RISCHIO

Il giornale parigino *Le Figaro* informa su un recente convegno tenuto ad Hanoi (Vietnam), ove rappresentanti di tutto il mondo francofono hanno voluto celebrare *l'universalità del francese*.
"Il francese è parlato regolarmente da oltre 100 milioni di uomini. Nel suo periodo migliore (XVII-XIX sec.), esso era la lingua della diplomazia internazionale. Nell'Europa sempre divisa, guerre e scaramucce finivano con trattati di pace scritti in francese", scrive il giornale. "Ora invece il francese è *alla ricerca del suo posto nel mondo*. Il declino si deve alla grande popolarità dell'inglese, specie nel commercio. Per ridurre il divario, il Presidente francese ne ha raccomandato l'uso sulle vie dell'informazione. Timoroso sul futuro, un altro uomo politico, ha detto che *l'uso del francese in tutto il mondo non interessa né l'opinione pubblica, né i media né i politici. Il disinteresse probabilmente è più marcato in Francia che negli altri paesi*".

## LA FRANCA JE RISKO

La pariza ĵurnalo *Le Figaro* informas pri ĵusa Hanoia kunveno (Vietnamio), kie franclingvaj reprezentantoj el la tuta mondo intencis celebri *la universalecon de la franca*.
"La franca estas parolata regule de pli ol 100 milionoj da homoj. Dum sia pli bona periodo (XVII-XIX jc), ĝi estis la lingvo de la internacia diplomataro. En la ĉiam disigita Eŭropo, militoj kaj bataletoj finiĝis per packontraktoj skribitaj en la franca", skribas la ĵurnalo. "Nun, anstataŭe, la franca estas *serĉanta pri sia rolo en la mondo*. La dekadenco ŝuldiĝas al la granda populareco de la angla, apatre en la komercado. Por redukti la diferencon, la franca Prezidento rekomendis ĝian uzon en la informaj vojoj. Timante pri la estonto, alia politikisto diris ke *la uzado de la franca en la tuta mondo interesas nek la publikan opinion, nek la amaskomunikilojn, nek la politikistojn. Tiu malintereso estas eble eĉ pli rimarkebla en Francio ol en la aliaj landoj*".

Komentario: Francio eble devus pripensi kaj penti, memorante ke siajn reprezentantojn ĉe "Ligo de nacioj" en 1924 oponis al Esperanto kiel neŭtrala lingvo ĝuste por pluteni la privilegian rolon de la franca. Kaj nun ... Jen, kiel iras la mondaj aferoj.

## *ER GRILLO ZOPPO*

- Ormai me reggo su 'na cianca sola.
- diceva un grillo - Quella che me manca
m'arimase attaccata alla cappiola.
Quando m'accorsi d'esse' priggioniero
col laccio ar piede, in mano a un ragazzino,
non c'ebbi che un pensiero:
de rivolà in giardino.
Er dolore fu granne ... ma la stilla
de sangue che sortì dalla ferita
brillò ner sole come una favilla.
E forse un giorno Iddio benedirà
ogno goccia di sangue ch'è servita
pe' scrive la parola **"Libbertà"**.

*Trilussa*

## *LA SENKRURA GRILO*

- Nun mi stariĝas sur unu kruro sola.
- diris grilo - Tiu kiu al mi mankas
restis atakita al la kaptilo.
Kiam mi ekkonsciis esti mallibera
kun la laĉo je l' piedo, enmane de knabeto,
ekregis min nur unu penso:
ekflugi al la ĝardeno.
La doloro estis granda ... sed la sanga guto,
kiu elversiĝis el la vundo
brilis en la suno kiel fajrero.
Kaj eble iam Dio ja benos
ĉiun sangan guton, kiu servis
por skribi unu vorton **"Libero"**.

*(Trad. Vittorio MALARODA, Monfalcone GO)*

*Fiori per ...*

## *ERNA HAUGE*

*(1931-1998)*

Ci ha lasciati modestamente, quasi in silenzio, come è sempre vissuta, il 15 giugno 1998.
Chi non la conosceva bene, non poteva immaginare quanto Erna si impegnasse intensamente e lavorasse con piena coscienza per ciò in cui credeva; e fra ciò in cui credeva l'Esperanto sicuramente ha rappresentato una parte consistente.
Per molti anni, e fino alla fine, pur con la salute minata è stata impegnata nella redazione delle riviste Dana Fervojisto e Internacia Fervojisto, prima in parte come esecutrice, poi come responsabile diretta, mostrando grandi capacità organizzative e di lavoro. Del resto ogni pubblicazione dell'IFEF la vedeva coinvolta, dall'aggiornamento dell'Indirizzario, alla ristampa dello Statuto, agli annuali "Fervojfakaj Kajeroj", fino alla digitazione al computer degli scritti per l'Antologia ferroviaria che uscirà a breve.
Erna ha lavorato intensamente anche per il 50° Congresso di Aalborg, con una dedizione esemplare, uno spirito eroico, una dignità incomparabile.
Se esiste un fenomeno meraviglioso quale l'Esperanto è perché sono esistiti ed esistono uomini straordinari come Erna, a cui non basteranno mai i nostri grazie ed onori.

*... fiori del ricordo e del cordoglio.*

# Leggere l'Esperanto

L'Esperanto è una lingua molto armoniosa, degna di essere letta con l'esatta fonologia. In aiuto ai non esperantisti, ecco *tutte* le regole:

☆ l' **alfabeto** è formato da 28 lettere. Solo **a e i o u** sono vocali, le altre 23 sono consonanti.

| | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| a | b | c | ĉ | d | e | f | g | ĝ | h | ĥ | i | j | ĵ |
| k | l | m | n | o | p | r | s | ŝ | t | u | ŭ | v | z |

☆ la **pronuncia** è facile: l' **accento tonico** (la pausa della voce) cade sempre sulla penultima vocale della parola;

L'Esperanto è l'unica lingua fonetica: si pronuncia come si scrive e si scrive come si pronuncia; ogni lettera ha sempre quel suono, ad ogni suono corrisponde la sua lettera. Le lettere dell'Esperanto si pronunciano come in italiano, tranne le seguenti, che hanno il suono:

- **c** come la *z* sorda della parola *palazzo* (palaco)
- **ĉ** come la *c* palatale di *felice* (feliĉa)
- **g** come il gruppo *gh* gutturale di *ghisa* (giso) o *g* di *gas* (gaso)
- **ĝ** come la *g* palatale di *villaggio* (vilaĝo)
- **h** sempre leggermente aspirata (herbo)
- **ĥ** aspirata gutturale (ĥolero), come il gruppo *ch* tedesco (*bach*)
- **ĵ** strisciante, circa come *sg* in disgelo; meglio la *j* francese (*je*)
- **k** come il gruppo *ch* e la *c* gutturale di *chiosco* (kiosko)
- **s** come la *s* sorda in *sale* (salo)
- **ŝ** come il gruppo *sc* di *sceriffo* (ŝerifo)
- **z** come la *s* sonora di *musica* (muziko)
- **j** **ŭ** j e ŭ sono considerate consonanti e suonano come *i* e *u* brevi nelle parole italiane *gaio* (gaja) e *feudo* (feŭdo).

**Ni semas kaj semas, konstante.**